Atenton! Bv., presi ĉi-tiun materialon por pli facila legado.
-------------------------------------------------------------------

# Argentina E-Vento

**Jaro 9 n-ro 18 2004-2**
Oficiala Organo de Argentina Esperanto-Ligo (Reta Versio)
AEL-TTTejo: **www.esperanto.org.ar**
Prezidanto: Alcídes P. Wentinck <wanelec@sion.com>
Sekretario: Roberto Sartor <rosar@fibertel.com.ar>
Redaktoro: (de 1996)
Rubén T. Diaconu Tkachenco
rubendiaconu@yahoo.com.ar
Pri subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem

## E n h a v o



## Foje oreloj sufiĉas...

Foje amiko havas problemon,
foje amiko malfacile decidas pri io,
foje amiko tristas, malfeliĉas, koleras, desperas.
Sed ofte vi povas solvi lian problemon,
ofte vi povas fari lian decidon, tio estas normala.
Eble vi tiam sentas vin ĝenita,
malutila ĉar vi ne povas helpi.
Sed ne ĉagreniĝu pro tio, estas multo farebla:
aŭskulti, kapsigni, ĉirkaŭbrakumi, karesi, ŝultrofrapi.
Sed speciale aŭskulti, kompreni, montri tion.
Kaj foje, dum la amiko klarigas sian problemon,
ordigante siajn pensojn, li mem vidas pli klare,
mem trovas kuraĝon, aŭ eĉ eliron aŭ solvon.
La ĉagreno estas multe malpli granda
se la persono ne sentas sin tiel sola,
tiel ne komprenita, tiel terura sola.
Foje oreloj sufiĉas.
*El "Movado Sen Nomo", levilkarto n-ro 4, Belgio.*

*Sendis al nia redaktejo: Nélida Monasterio,*
*Bolivar, Buenos Aires*

## *El la Redaktejo*

Antaŭ ĉio mi pardonpetas al vi, karaj legantoj, precipe tiuj kiuj ricevas la paperan version, pro pluraj preseraroj kiuj nevole restis ĉe nia antaŭa numero de *Argentina E-Vento.* Ni promesas pli forte agi ekde nun por eviti tiun malbonan eldonan laboron. Krome, ni komencas novan rubrikon "El la Leterkesto", tie vi povos esprimi vian opinion pri ĉu ŝatataj ĉu ne ŝatataj temoj. Ni atendas viajn leterojn. Bonan legadon! ***Via Redaktoro***

# Esperanto en Eŭropa Unio

## Esperanto en la Unión Europea

*Ni ĉiuj scias, ke lastatempe oni klopodas doni al Esperanto tre valoran utiligon ĉe Eŭropa Unio, -kiu lastatempe ene de ĝi akceptis 10 novajn membrojn-. Tiucele Esperanto jam estis prezentita al la Eŭropa Parlamento kiel oficiala lingvo, sed ankoraŭ tion, la plenan akcepton, ne sukcesis. Tamen la afero daŭrigas. Por pli bone kompreni la aferon ni dediĉas iom da niaj paĝoj kaj ni pritraktas tiun ĉi gravan temon per pluraj artikoloj, Esperante kaj hispane, -malgraŭ ĝi estas precipe por eŭropanoj- Je la fino vi legos pri tio, saĝajn pensigajn vortojn de komuna artikolo de UEA-prezidanto kaj prezidanto de Eŭropa Esperanto-Unio. Kompreneble, post legi vi havos vian propran konkludon.*

### Buenos Aires

INFORME DE LA UNIÓN EUROPEA.

En defensa de los derechos lingüísticos, los hablantes, simpatizantes y conocedores europeos del Esperanto declaran: CADA UNO SU PROPIO IDIOMA Y UN IDIOMA NEUTRAL PARA TODOS.

La UNION EUROPEA declara 20 idiomas oficiales: alemán, checo, danés, eslovaco, esloveno, español, estonio, finlandés, francés, griego, holandés, húngaro, inglés, italiano, letón, lituano, maltés, polaco, portugués y sueco.

Durante la última elección de abril 2004 se trató sobre el uso del esperanto como lengua puente en el Parlamento Europeo, 120 votaron a favor, y 160 en contra. Es decir el 42,86% votó a favor del esperanto. A mediados de junio, 450 millones de europeos de 25 países de la ampliada Unión Europea elegirán a sus representantes para cumplir, por cinco años, su función de diputados en el nuevo Parlamento Europeo.

*Mario J. Miranda*

### España

ESPERANTO: NIA DUA LINGVO POR ĈIUJ EN EŬROPO

"En la katalunlingva ĵurnalo *"El Punt"* aperis bela artikolo pri Esperanto. Mi uzis aŭtomatan tradukilon kataluna-hispana, kiun mi supraĵe korektis"

### Esperanto: segundo idioma de todos en Europa.

EL PUNT, Jueves, 13 de mayo de 2004.

La galería JORDI MIRALLES, Guirigay Lingüístico.

"La ampliación europea pone de manifiesto un hecho indiscutible: incrementamos las lenguas vernáculas. Quizás ha llegado la hora de que en lugar de aumentar el número de lenguas oficiales adoptemos una común.

Ampliar el territorio común exige poner las bases para que nos podamos comunicar correctamente. Me sorprende que en ningún programa político se aborde esta cuestión más allá de exaltar la oficialidad de las lenguas minoritarias. La ampliación de los 25 habría de ir acompañada del compromiso de respeto para todas las lenguas porque son un patrimonio insustituible. Por esto, ahora más que nunca, al lado de una moneda común hace falta que nos dotemos de una lengua común. Hace más de un siglo, un europeo visionario nos dejó en herencia una lengua fácil de aprender y útil para entendernos: el esperanto. Cuando

Zamenhof murió nos dejó un legado sólo comparable al invento de la imprenta. Quizás ha llegado la hora de que el esperanto sea la única lengua común de la Unión Europea. Una lengua que facilitaría la convivencia y, sobre todo, ahorraría mucho dinero en traducciones a las ahora lenguas oficiales.
Una lengua que permitiría respetar la identidad de cada pueblo y abrir una nueva era de diversidad cultural. El ejemplo de Europa podría ser un impulso para que en otros lugares del planeta valoraran esta herramienta cultural inventada por Zamenhof. Creo que estamos ante una oportunidad sin precedentes. Hace falta hacer realidad el sueño de Zamenhof e impulsar el esperanto como lengua común. Hagamos que otra Europa y otra humanidad sean posibles"
*Traducción automática catalán-castellano: Internostrum.*
*Corrección de R. Feldman González.*

**Britio (Gran Bretaña)**
BBC Radio 4 *'You and Yours'*, vendredon je 12:04 / BBC Radio 4 *'You and Yours', vendredi a 12h04,* dissendis komentarion pri Esperanto kaj lingva problemo en Eŭropo.
Se vi komprenas la parolatan anglan laŭ informo de David Curtis tra Ian Fantom:
"Hodiaŭ mi aŭdis ke estos diskuto pri la aktuala problemo kiun alfrontas EU rilate al pritrakto de pli ol 20 lingvoj, kaj ke "lingvoj kiaj Esperanto" estos konsiderataj kiel solvoj. Tio estos ĉe Radio 4 [la tutnacia, plej serioza kanalo] ekde 12:04 ptm [GMT / UTC] vendredon majo 14, sub la titolo *"You and Yours"* ["Vi kaj Viaj"]. La prezentisto estos Diana Madill. Mi scias je propra kosto ke ŝi malaprobas Esperanton. Eblas aŭdi la programon "You and Yours " interrete :
http://www.bbc.co.uk/radio4/youandyours/_index200405xx.ŝtml. Kompreneble anstataŭ oni devas enmeti la tagon, ekz. hodiaŭ estas 14. Oni bezonas havi "Real Player" instalita. Se vi ne havas ĝin la *"website"* de la BBC donos la informon kiel instali ĝin. La komenco de la programoj okazas 4 minutojn post la horo."
Se iu sukcesos kapti la registrajon kaj traduki esencajn partojn, tio povus tre utili
esperohm@club-internet.fr; http://www.esperanto-sat.info

## Italio

ESPERANTO NIA SAVO

*Al la reago de d-ro M. Casartelli, per reto oni diskonigis la originalan italan, hispanan kaj Esperantan versiojn kaj komentariojn pri tiu aperita artikolo en ĵurnalo "La Stampo", Italio.*
ESPERANTO LA NOSTRA SALVEZZA *(itallingve)*
"Sono d'accordo con quello ĉe dice Roberto Bettero nella sua lettera "La riscoperta dell'Esperanto" (venerdì, 9 aprile). Penso ĉe, per diffendere la diversità linguistica, sia necessaria una lingua neŭtrale come l'esperanto. Altrimenti, l'inglese sarà la lingua dominante, e sostituirà l'italiano, lo spagnolo, il francese, ecc., ĉe serviranno soltanto per uso domestico."
*Marcelo Casartelli, Córdoba (Argentina)*
*Letero de 15/04/2004, (it) La Stampa,*

***(Esperante)*** "Ni konsentas kun tio, kion diras Roberto Bettero en sia letero *"La riscoperta dell´Esperanto"* (La reaktualigo de Esperanto) *(La Stampa, "In difesa delle lingue", vendredo, 9a aprilo, 2004).* Ni pensas ke, por defendi la lingvan diversecon, estas necesa neŭtrala lingvo kiel Esperanto. En kontraŭa kazo, la angla estos la superreganta lingvo, kaj anstataŭos la italan, hispanan, francan, ktp., kiuj nur taŭgos por hejma uzado."
*D-ro Marcelo Casartelli*

## Lanĉo de EEU por eŭropaj parlamentaj balotoj 2004

"Karaj esperantistoj de Eŭropo,
Meze de junio elektiĝos nova Eŭropa Parlamemto, la unua kiu havos deputitojn el la 25 landoj de la pligrandigita Eŭropa Unio. De Malto al Finnlando, de Ĉipro al Irlando kaj de Slovenio al Svedio 450 milionoj da eŭropanoj elektos siajn reprezentantojn.
La 1-a de aprilo en la nuna Eŭropa Parlamemto (EP) kvazaŭ okazis miraklo: danke al samideano *Dell'Alba* kaj manpleno da helpantoj la plena EP unuafoje en sia historio voĉdonis por raporto kiu favore menciis Esperanton, kaj 120 deputitoj, aŭ 43%, SUBTENIS Esperanton!
Tre kuraĝiga novaĵo, kaj ĉiujn kontribuantojn al tia bonega rezulto mi elkore gratulas.
Sed saĝuloj diras ke jam tro malfruas, ke la trajno foriris kaj la angla jam gajnis. Ĉu vere? Antaŭ 100 jaroj la aŭto Modelo T Ford gajnis; antaŭ 200 jaroj la franca gajnis; antaŭ 2.000 jaroj Latino gajnis. Sed malgraŭ ĉiuj "venkoj", la historio ne finiĝis.
Preskaŭ 90% de la EU-popolo ne parolas angle denaske. Pro tio la angla NENIAM donos samrajtecon al civitanoj, nek helpos paneŭropan identecon evolui. Sen eŭropa identeco, sen "ni"- sento, la EU interesiĝos nur elitojn kaj ĉiam foros de sia popolo. Ĉu 90% de eŭropanoj akceptos eterne suban lingvan statuson, kun politikaj kaj ekonomiaj sekvoj? Mi forte dubas tion, kaj en tiu dubo kuŝas la ŝanco por Esperanto.
Antaŭ 10 jaroj oni primokis la Eŭron kiel "Esperanto-monon". Nun tiu Esperanto-mono estas en la poŝoj de pli ol 300 milionoj, kaj fariĝis pli forta ol la usona dolaro. Per tio EU jam montris al la mondo kion ĝi povas fari valute - same ĝi povos fari lingve, se ĝi volos. La kreo de tiu volo estas nia takso. Ni uzu la sukceson de la Eŭro, tiom analogia al nia lingvo: neŭtrala eŭropa valuto neŭtrala-eŭropa lingvo.
La granda EŬ-agado favore al malplimultaj lingvoj komenciĝis per EP-rezolucio en 1979. Objektive la anglalingva dominado en EU ne estas en la intereso de Germanio, Francio, Italio, Hispanio, Pollando ktp.
Ni malfermu iliajn okulojn dum la EP-kampanjo. Kun nur 8% pli ni havos plimulton en la EP por favora mencio de Esperanto. Tio estas nur la unua paŝo, sed la pli longa vojaĝo komenciĝas per unu paŝo. Nia proksima celo estu EP-rezolucio kia la Dell'Alba-rezolucio, kadre de protektado de lingva samrajteco kaj diverseco kiuj jam estas
oficialaj celoj de EU. Nia celo estas realisma kaj atingebla – ni bezonas nur 8% pli!
Ni ne malŝparu tempon per internaj diskutoj, aŭ eĉ per la plej belaj internaj organizaj aferoj! Ek al la laboro!"
*Seán Ó Riain*
*Prezidanto de EEŬ -Eŭropa Esperanto-Unio*

## KONSIDEROJ PRI ESPERANTO EN EŬROPA UNIO

*Jen, nur eta, kuraĝiga resumo de plenpaĝa artikolo*
*pri la nuna situacio de Esperanto en Eŭropo.*

"...La afero laŭ ni estas multe pli komplika. Parto de la eŭropanoj certe estas idealisma kaj pensas ke Eŭropo estos la ĉampiono de ĉio bela kaj bona ankaŭ kontraŭ Usono, kiam tio necesos. Aliaj eŭropanoj preferas flanki kun la fortuloj de la momento. Kelkaj parlamentanoj povas ankaŭ simpatii al Esperanto, sed aktive disvastigi ĝin, tio estas alia afero... Unu afero, tamen, ŝajnas nedubeble vera: se la parolantoj de Esperanto ne estos multnombraj kaj loĝantaj en ĉiu unuopa vilaĝo de Eŭropo, neniu atentos Esperanton nur pro la beleco de la ideo. Do, se vi volas konkeri Bruselon, unue konkeru vian lokan lernejestron aŭ urbestron, kiu subtenu kurson ĉe vi. Ĉio cetera sekvos, ne inverse... pluraj el la agantoj pri tio atendis pro la rezulto de la antaŭa voĉdono en la komisiono (14 kontraŭe kaj 12 pore), sed la evento estis same historia, ĉar la unuan fojon la Eŭropa Parlamento en la pleno devis alfronti la temon. Mirinda estis la reago de EŬ-aj esperantistoj, eĉ supera je tio, kion ni atendis... Ĉio ĉi montras, ke ni ne timas alfronti la plej altajn instancojn de EŬ, kaj ke ili, ne ni, estas en defenda pozicio... Do, nun estas la momento daŭrigi kaj estas tasko nia... gvidi la eŭropajn

esperantistojn al tia agado... La sukceso certas, sed la laboro endas kaj urĝas. La EU-elektoj okazos post ses semajnoj. Pro tio la oreloj de ĉiuj kandidatoj estas aparte malfermaj NUN.
Ek al la agado!
*Seán Ó Riain – Renato Corsetti;*
*Esperanto, majo 2004, p. 99*

## Historioj de niaj E-grupoj (II)

*La agado favore al Esperanto disvolviĝis ĉiam dank´ al fervora entuziasmo de geesperantistoj ĉiu-loke en nia lando. Iom post iom Argentina E-Vento rakontas al vi pri ili. Jen plia historio:*

**ROSARIO:** 70-a Datreveno de REA

**70° ANIVERSARIO DE LA ASOCIACIÓN ROSARINA DE ESPERANTO**

Aunque no tenemos datos precisos, se sabe, que ya a principios del año 1900, había algunos esperantistas diseminados por el país y en la provincia de Santa Fe, algunos de los cuales figuran con sus nombres, en las famosas "listas" de Zamenhof. En el año 1907 se dieron cursos de esperanto en Córdoba y Rosario. Y en el año 1914, Santiago Gómez, activo esperantista, enseñaba el esperanto en la ciudad de Rosario y hasta realizó una exposición sobre el tema.

Al fundarse en 1916, en Buenos Aires, *Argentina Esperanto-Asocio* -AEA-, (Asociación Esperantista Argentina), y la revista "*Argentina Esperantisto*", hubo una mayor relación entre todos los esperantistas del país, que se unieron en asamblea para fundar esta asociación nacional, pero en todas partes surgieron pequeños grupos o clubes.

En 1930 llegó a Rosario el Dr. José Pellejá, médico catalán, que había conocido a Zamenhof en 1909 en el Congreso Universal de Esperanto de Barcelona. Activo esperantista reunió en torno a si un grupo de personas, entre ellos otro catalán, Pedro Martín, que realizó una gran actividad de enseñanza y promoción.

El 27 de abril de 1934, Pedro Martín, junto a su grupo, decidieron fundar la "Asociación Esperantista de Rosario", (AER) llamada actualmente "Asociación Rosarina de Esperanto" (ARE), cosa que se concretó oficialmente el 18 de agosto, con sede en la calle Salta 1922.

Por lo tanto este año -2004- se cumplen 70 años de actividad ininterrumpida.

Desde el año 1966, la asociación tiene su sede propia en la galería de la Calle Santa Fe N° 955, of. 4, donde está constituida con personería jurídica, y autoridades elegidas en asamblea. Es de notar que esta Galería, por ser la más antigua de Rosario ha sido declarada de interés histórico por la municipalidad.

Desde aquel año 1934, la nueva Asociación desarrolló una intensa actividad pública a favor del esperanto.

Como síntesis mencionamos:

-Fueron los primeros en utilizar la radio, LT1 y Radio Nacional, con programas sobre el esperanto.

-Publicaron numerosos boletines y revistas y hasta libros.

-En 1941 convocaron el Primer Congreso Argentino de Esperanto, y fundaron AEL-Liga Argentina de Esperanto.

-En Rosario se realizaron numerosos Congresos de Esperanto y asambleas nacionales de la Liga.

-Se realizaron los "Festivales de Esperanto", donde se cantaba folklore, tango y canciones antiguas y modernas en esperanto.

-En 1966, promovieron la fundación de "Argent-EJO" y el *"Pasporta Servo"*, el que hasta el día de hoy constituye un prestigioso servicio de hospedaje para turistas del Movimiento Esperantista Mundial.

-Fueron los primeros en obtener autorización para enseñar el esperanto en la Universidad Nacional del Litoral.

-En Rosario y su zona de influencia se dieron cursos permanentes de esperanto, también por correspondencia.
-Fueron los primeros en promover la aprobación de una Ley para enseñar el esperanto en las escuelas de la provincia.
Es muy extensa la lista de meritorios esperantistas de la Asociación de Rosario. Sin duda un importante capítulo de la Historia del Movimiento Esperantista Argentino.
Un motivo para continuar con renovado entusiasmo, la tarea de nuestros antepasados, en un nuevo siglo y con nuevas modalidades.-
*Roberto Sartor, Buenos Aires, marzo de 2004*

## Novaĵoj

**BONAERO**
 * **Esperanta disvastigado**
En Radio Urquiza, FM 97.1 (Bonaero), invititaj paroli pri Esperanto, Silvia Rottenberg kaj Roberto Sartor, profitis duonhoran programon tute pri Esperanto. Foton videblas en la albumo de <argent-reto>. Ankaŭ Mario Miranda, partoprenis en programo ĉe FM 92.3. Pere de telefono kaj interreto, ni ricevis multajn mesaĝojn, pri la apero de "Esperanto ĉe Eŭropa Unio" en la informilo-programo de bonaera TV *"Canal 9"* kaj okaze de la intervjuo al s-ano Matsumoto en ĵurnalo *"La Nación"*. Tio ĉi favoras la ideon pri la nuna kreskanta intereso por Esperanto. *Informas RoSar.*

* **Cursos de Esperanto**
Nuevos cursos de Esperanto en BEA: Paraguay 2357, Buenos Aires:
 7 de junio de 2004, de 19 a 21 hs. Todos los lunes.
10 de junio de 2004, de 15 a 17 hs. Todos los jueves.
10 de junio de 2004, de 17 a 19 hs. Todos los jueves.
Consulta e inscripción:
Jueves, Viernes y Sábados de 17 a 20 horas.
<eo_1954@yahoo.com.ar> - Tel: (011) 4961-4302

*** Progresiga lernado**
"Mi estas Mario Miranda, instruisto en Buenos Aires, kies adreso estas: strato Paraguay 2357, (inter stratoj *Azcuénaga kaj Larrea).* Tie, mi disvastigas, instruas kaj atendas la publikon dum ĵaŭdo, vendredo kaj sabato de 17-a ĝis 20-a horo. Nur sabato vespere estas la tago por praktiki kaj paroli en Esperanto pri diversaj aspektoj de la vivo.
SE VI NE BONE REGAS la internacian lingvon aŭ ne konas personon por praktiki aŭ paroli en Esperanto, ĉi tie estas la loko por la interparolado. Vi estas invitata.
Mi atendas de vi respondon".
*Mario Miranda, E-Instruisto*

## ESPERANTA TREJNADO EN USONO

***... ankaŭ por argentinanino***
Kiel ĉiujare denove eblos partopreni en la Nordamerika Somera Kursaro ( NASK) de la 4-a ĝis la 23-a de julio de 2004, en la *Sĉool for International Training* en Brattleboro, Vermonto, Usono. Por tiu ĉi jaro ricevis stipendion ankaŭ nia kara samideanino Elisa Vázquez Abraham, pro kio ni multe ĝojiĝas kaj kore gratulas ŝin.
Sed unuafoje en la 35-a historio de tiu kursaro, (NASK), okazos ankaŭ seminario por trejni instruistojn de Esperanto. Gvidos la seminarion Katalin Kovats kaj Duncan Ĉarters, kunlanbore kun Bill Maxey. Interesitoj sin anoncu al Ellen Eddy: eddyellen@aol.com.
*AEL-informas; Heroldo de Esperanto 2053( 6:2004)*

## FORPASO

Kondolence ni informas pri la forpaso, en *Buenos Aires*, de nia elstara instruisto, dojeno de la argentina Esperanto-movado, prof. Alberto Vigliani (1911-2004), modela tipa esperantisto. Profesie asekuristo, esperantistiĝis en 1948, ene de AEKA, iama Argentina E-Katolika Asocio, fare de d-ro Johano A. Quiña González (1904-1984), kaj P. Johano Tse-Tsien Kao (1909-1996). Tuj en 1949 komencis gvidi kursojn en Bonaero-urbo kaj ĉirkaŭaĵoj. Poste, dum dudeko da jaroj, gvidis la vesperan Esperanto-Kurson en la Publika Lernejo *"Presidente J. A. Roca";* plurfoje radio-kursojn pere de *"Radio Nacional"*, en la "Eko Rondo" kaj en BEA, Bonaera Esperanto-Asocio. En 1955 sia kurso estis filmita kiel "Novaĵo" de informilo *"Sucesos Argentinos"* kaj dissendita de la iama ununura Nacia TV-Kanalo 7, kaj en ĉiuj kinejoj de la lando. Prof. Vigliani loĝis dum kelka tempo, post emeritiĝo, apud sia filino Susana, en Parizo (Francio), tie deziris gvidi kursojn de Esperanto, partopreni Kongresojn, ktp, sed ne sukcesis, do revenis Bonaeren, kie restis simpatieme ĝis sia forpaso en daŭriga kontakto kun siaj gelernantoj kaj atendante ĉiumonate la revuon "Esperanto" kiel multjara membro de UEA, apud sia edzino Stella Maris Elías, iama lernantino sia, kun kiu ĝis la fino eĉ kutimis paroleti en Esperanto korektante ŝin.
Al Stella kaj Susana niaj elkoraj kondolencoj.
Foton vi trovos ankaŭ ĉe Yahoo-albumo en <argent-reto>. *(RoSar)*

## ESPERANTO EN TELEVIDO -per la Reto-.

La manifestacio "Eŭropa Bunto" de la 9-a majo en STRASBURGO, organizita de esperantistoj antaŭ la Eŭropa Parlamento en la *Tago de Eŭropo*, aperis en la franca televido. Kelkaj sekundoj da sukceso por Esperanto: vidu ĉe: *Le journaŭx* en video: http://videojts.france3.fr *editions regionals 3,* klaku sur "19/20" >ALSACE malsupre – maldekstre.
Ĵurnalistino aperas kaj post kelkaj aliaj novaĵoj aperas raporteto de kelksekundoj pri la Esperanta manifestacio: atentu a la granda afiŝo E.S.P.E.R.A.N.T.O
*(argent-reto)*

### PÁGINA WEB SOBRE TURISMO EN ARGENTINA

Marcelo Lucero, joven esperantista y miembro del movimiento *International Boys Scout*, desde hace un tiempo está trabajando a fin de contar con una página, en Internet, sobre turismo argentino La dirección del sitio es:

**http://admirindaargentinio.ifrance.com**

Como él mismo lo expresó, tal vez en su contenido, aun sin terminar, encontremos algunos errores gramaticales, pero estamos trabajando a fin de que muy pronto esto este superado y se pueda disfrutar de la abundante información turística argentina tan necesaria, que allí se brinda. <*skoltaj@yahoo.com.ar*>

#### EL PAPA SALUDO EN ESPERANTO

El 11 de Abril, Pascuas de 2004, a las 11:50 (hora argentina), el Papa Juan Pablo II nuevamente saludó a todo el mundo en 62 idiomas, como lo viene haciendo regularmente cada año. Pero, por 10a vez lo hizo también en esperanto. En la plaza San Pedro, en la ciudad del Vaticano, junto a miles de peregrinos, un grupo italiano de esperantistas agradeció al Papa por su saludo, como lo hacen tantos otros fieles católicos en sus distintas lenguas, mediante paneles con cada una de las letras de la palabra "Esperanto". La televisión italiana que transmitía la ceremonia, difundió a todo el mundo cuando los esperantistas elevaron sus paneles y se pudo leer: E S P E R A N T O. Si Ud. desea ver la foto, visite la página: http:www.ikue.org/pasko2004/pasko2004.htm
Habrá que aguardar hasta el próximo saludo, que será en Navidad, el 25 de Diciembre, aproximadamente a la misma hora, para escuchar nuevamente al Papa saludar en la lengua internacional esperanto.

## “GXANGALO” en Bonaero

Flavio Rebelo, brazila esperantisto jam tre konata en la tuta Esperantio pro siaj projektoj GXANGALO kaj ITV, petis al la oficejo Gxangalo de Bonaero, organizi sian vojaĝon al la urbo, por kontakti esperantistojn, organizi la laboron de la dungontoj por la informado en la "Portalo" kaj persone travidi aliajn negocojn kun entreprenistoj de la Reto, la instruado, eldonejoj, ktp.
Tiaj aferoj inter esperantistoj estas nature farendeblaj, sed nun pli faciliĝas, ankaŭ kun neesperantistoj ĉi tie, danke al la novaj komercaj leĝoj de la Merkosudo, kiuj unuigas la sudamerikajn landojn, ĉefe Argentino kaj Brazilo.
Flavio Rebelo alvenis al Bonaero la 31-an de majo kaj foriris la 4 -an de junio kaj dum kvin tagoj da intensa laboro, li prelegis al esperantistoj de la urbo, kunvenis plurfoje en nia sidejo de BEA, intervjuadis interesitojn kaj interŝanĝis opiniojn pri la nova maniero prezenti Esperanton al la publiko, tio eĉ kun universitatanoj kaj entreprenistoj.
Rebelo tre interesiĝis pri la kreado, fare de AEL, de la “Argentina Esperanto-Lernejo”, kiu funkcius en la urbo, paralele al aliaj multegaj privataj lernejoj de lingvoj (ĉefe de la angla) instruante "alternativan lingvon", -ESPERANTO-, tute profesie... sen ĝeni la aktivan laboron de la Movado, kun siaj kunvenoj por babiladi, amikiĝi, interfratiĝi, ktp., kaj kun ebla helpo kaj apogo de la portalo Gxangalo en la reto, kaj en rilato kun NESTO-KORE, projektoj de la UEA Amerika Komisiono.
Li kontenteme, taksis, ke eĉ se li ĉifoje ne kontaktis multajn aktivajn esperantistojn en la urbo, li trovis grupon de profesiuloj eĉ muzikistoj kaj komponistoj, kiuj nur bezonas apogon kaj taŭgan organizadon, por ke rapide la Movado en la lando reaktiviĝu.
Certe restas multaj kaŝitaj kaj ne aktivaj esperantistoj, kiuj eĉ se invititaj ne venis. Sed eble multaj atendas ke iu voku ilin rekte al laboro.
Danke al ĉielo, nia lando finfine komencas foriri de la ekonomia kolapso.
Do, "Gxangalo-ITV"-projekto alvenas en bona momento, kaj ricevos kunlaboron.
Rebelo havis la ŝancon ankaŭ hispane prelegi al la publiko pri: “la racia solvo al la plurlingva problemo pere de Esperanto”. Tio okazis en la *“Centro Cultural Borges”* –(kultura centro Borges-) kaj en FLACSO-Universitata Fakultato, unu el kies retkursoj baldaŭ estos tradukota al Esperanto, uzante la servojn de Gxangalo.
Estis sukcesa sia partopreno, du foje, en la grupoj de TALK TIME, ( ĉe kafejo en kvartalo *Recoleta*), prelegante al grupo de angloparolantoj pri alia vojo por informiĝi pere de alternativa internacia lingvo al la tutmondiĝa angla. Tia internacia alternativo estas NUR Esperanto.
Do, estis sukcesa profesia vojaĝo, aldone la ebleco koni kelkajn el la ĉefaj vidindaĵoj de Bonaero.
Se vi ne sukcesis kontakti s-ron Flavio Rebelo, kaj kiel esperantisto vi interesiĝas pri la uzo de la lingvo kiun vi lernis, skribu rekte al:
flavio@gxangalo.com aŭ flavio@internacia.tv
Li serĉas korespondantojn, ĵurnalistojn, tradukistojn por sia entrepreno, ĉu en Esperanto, hispana, gvarania, keĉua aŭ mapuĉea lingvoj.
Du fotojn videblas en la albumo Yahoo de <argent-reto>. Dankeme al kunlaborantoj kaj partoprenantoj, kun elkoraj salutoj de Flavio Rebelo,
*RoSar*
*Bonaera Redakcio:* redaccion@gxangalo.com

## NOVAJ 4 E-RONDOJ en Bonaero

Responde al la lastatempa renaskiĝanta intereso por Esperanto, E-instruistoj profitas la okazon por fondi etajn E-rondojn instruantaj la Internacian Lingvon. Tiel ni havas grandan ĝojon informi, ke du E-rondoj jam funkcias: 1) **Flores E-Rondo,** ĉe strato *San Pedrito*, kies instruistoj estas Elisa Vázquez Abraham kaj Nicolás Monti; 2) **Kongresa E-Rondo**, ĉe str. *Congreso*, kie instruas Silvia Rottenberg. Kaj baldaŭ ankaŭ fondiĝos: 3) **Morón E-Rondo**

kaj 4) **Avellaneda E-Rondo**. Nun la gvidantoj laboras por alproksimigi ilin al la E-movado kaj unuigi la agadojn por fortigi la argentinan E-movadon.
*(argent-reto, RoSar kaj la Redakcio)*

## El la Leterkesto

**BONAN LABORON!**

"Karaj geamikoj de Argentina Esperanto-Ligo, kun vera plezuro mi tralegis vian retan bultenon. *[AE-Vento n-ro 17]*. Vi estas ekzemplodonaj por pluraj landoj, ĉar vi sukcesis adapti vian agadon al la vere tre malfacilaj kondiĉoj nun ekzistantaj en via lando, kaj vi sukcesas iel kunteni la argentinajn esperantistojn malgraŭ la malebleco havi paperan revuon.
Mi petas vin, ke vi bonvolu sendi ekzempleron de via bulteno ankaŭ al la Amerika Komisiono de UEA, ĉe la adresoj oficejo@ameriko.org aŭ esperanto@ameriko.org, kaj mi petas ilin, ke ili bonvolu disvastigi vian faron al la aliaj hispanlingvaj amerikaj landoj, kiuj povus sekvi vian ekzemplon.
Bonan laboron!"
Amike,
*Renato Corsetti / UEA-prezidanto(Italio)*

**ARTIKOLO PRI FILMO**
**PLENDO: ĈU APOGE ĈU REAGE?**
*Unue s-ro Abel Weiner hispanlingve gratulas AEL-on kaj poste plendas ´kial oni aperigis artikolon pri la filmo "La Pasiono" kaj pri ties komentario de d-ro Feldman González´. [Argentina E-Vento17, p.13]. Do, sekve la redakcio respondas.*

"Me dirijo... a la dirección del boletín oficial de AEL,... con el fin de hacerles saber que tuve una gratísima sorpresa al recibir nuevamente el citado boletín, realizado con buen gusto y una fuerza renovada ¡Mis Felicitaciones! ...por esto, y también por el movimiento que se está dando, en buena hora, en materia de cursos. Yo mismo tuve una experiencia interesante al respecto desde hace varios años hasta la fecha... Pero, algo me tiró el entusiasmo por el piso cuando al llegar a la página 13, leo el artículo: "*Filmo: La Pasiono de Kristo*" Aun no entiendo -o lo entiendo demasiado bien- con qué fin se incluyó este tema en una publicación que tiene más que ver con el accionar del esperanto en nuestro país y a todo cuanto está vinculado a nuestra Liga de E-o. Le confieso que no me extraña en absoluto las expresiones del Sr. Feldman González, mejor diĉo, lo que pretende insinuar con las mismas pues, estoy bastante acostumbrado a ellas, a sus golpes bajos y de sentido poco claro. Creo que una persona instruida debidamente, preparada, debería tener expresiones más prudentes, esto: conforme a los conocimientos y especialidades que él dice tener. Pero, dejemos este asunto ahí. Ahora yo me vuelvo a preguntar ¿Con qué fin Uds. publican este tipo de comentarios? Yo creía que habíamos comenzado a caminar juntos en pro de la unidad del esperantismo argentino y, por qué no, universal. Por su atención gracias. Saludo a Ud. atentamente.
*Abel Weiner, Esperanza, Santa Fe.*
NB: Disculpen que no escribí en esperanto como acostumbro a hacerlo cuando me dirijo a mis *samideanos*. El fin es que no queden dudas o malentendidos sobre los conceptos vertidos. Gracias.- *A.W."*

***N. de la R.:*** *Gracias por sus buenos conceptos y elogios sobre nuestra revista Argentina E-Vento. Tal como lo expresáramos en el número anterior [15-16: 2003], página 1, " años tras años -(desde 1995, año de la refundación de AEL)-, venimos luchando por salir del estancamiento, desorden e improvisación que lamentablemente muchas veces nos han*

*acompañado", y felizmente poco a poco ESTAMOS VIENDO LOS RESULTADOS. A pesar de los problemas por todos conocidos, bastante se ha logrado al respecto, y esto muy bien se puede apreciar en las circulares que regularmente hemos estado enviando a los esperantistas argentinos, tanto a socios como a los que no lo son, a pesar de los altos costos. Sin embargo, sobre el tema en particular que Ud. comenta, creo que, Ud. mismo se da algunas respuestas, pero en otras, -con todo respeto-, quizás se equivoca. No hay un motivo oculto detrás, en lo que a nosotros respecta y creo que tampoco en lo que atañe al Dr. Feldman González. El tema "Filmo" es simplemente: "un tema de actualidad" -como lo es el relacionado al "Glaciar"-, y todos tenemos la democrática libertad de expresar nuestras opiniones, incluso su disconformidad, que respetamos totalmente. La "actualidad" existe y no creemos que tratarla, mínimamente, atente contra la unidad de los esperantistas que nos abocamos con mayor intensidad a la difusión del esperanto. Estamos seguros que en definitivas Ud. concuerda con nosotros en esto ultimo, y esperamos nos relate su buena experiencia sobre el despertar del interés por el esperanto para que podamos hacerla conocer a otros. Pero, le agradecemos por su deferencia en hacernos saber qué temas le agradan y cuáles le desagradan, eso es algo que pocas veces logramos saber, ya sea por el letargo o la indiferencia en la que lamentablemente con el tiempo muchos han caído. Con afecto y respeto.*

## *Anoncoj*

DANKESPRIMOJ
AEL sincere dankas al ĉiuj aliĝintoj kaj kontribuintoj: J. Drucker, R.D., M. Ianigro.

Se vi ankoraŭ ne aliĝis kaj deziras kontribui al AEL, vi povas sendi vian kunlaboron per "Correo Argentino" al Mario José Miranda, Paraguay 2357-2, C1121 ABK Capital Federal. Aŭ por ŝpari monon -nur je $5,00 kiel maklero- al ĉi tiu Redaktejo: per "Banco Patagonia"- "Caja de Ahorro" suc. 110, Sáenz Peña, konto n-ro 394101439, de s-ro Oscar C. Monge. Lastokaze ĉiam sciigu, pri via depono, al ĉi-tiu Redaktejo:
rubendiaconu@yahoo.com.ar. Koran antaŭdankon!

AEL JARKOTIZO
Individua Membro: ............................$15,00
Junulo kaj Emerito: ............................$ 5,00
Virtuala Membro kaj donacoj: .............laŭvole

POR KORESPONDEMULOJ:
DE JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO
Koresponda servo de JEI peras korespondadon inter japanaj kaj eksterlandaj dezirantoj. Se vi interesiĝas pri korespondo kun japanoj, bonvolu turni vin al:
**Koresponda Servo de Japana Esperanto-Instituto**
**Sinzyuku-ku waseda-mati 12-3**
**Tokio, 162-0042 Japanio**
Skribante al ni korespondo-peton, bonvolu aldoni vian aĝon, sekson, profesion, interesojn kaj viajn preferojn.
Estas rifuzataj monhelpa peto kaj propono je komerco. Aldono de 2 i.r.k-oj (internaciaj respond-kuponoj) estas bonvena por faciligi nian laboron.

89-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
De la 24-a ĝis la 31-a de julio 2004 la ĉijaran UK okazos en Pekino, ĉefurbo de Ĉinio, sub la temo: “Lingva egaleco en internaciaj rilatoj”
Miloj da geesperantistoj partoprenos la plej gravan mondan E-eventon.
*<http://www.uea.org>*

AEL EN INTERNET
Visite la página Web de AEL
**www.esperanto.org.ar**
y envíe su opinión, sugerencias y/o material a: <esperanto@neunet.com.ar>

==========================================================
**Sendas:**
Redakcio de
Argentina Esperanto-Ligo
Calles 119 y 122
AR-H3700 FTT Pcia. R. Sáenz Peña, Chaco
Argentina
==========================================================